# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO

42a JARO — FEBRUARO 1950

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*

*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1950 - n° 1 -**

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :

— **178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento)** —

# XXXIVa Belga Kongreso de Esperanto

**Spa, 27a ĝis 29a de Majo 1950.**

sub devizo :

*« Unu Belga nacio - unu nacia Ligo - unu Belga Kongreso. »*

## SPA KAJ LA ALTAJ FANJOJ

Ĉe la sojlo de la Ardenoj, Spa, la urbo de la junecfontoj, kun siaj ardezbluaj tegmentoj kaj sia romana preĝejo lokita sur monteto, havas ĉarmon tute propran, kiun jam prikantis Ronsard :

On dit, amy, qu'en la forêt d'Ardenne
Dessous un chesne ondoye une fontaine...

(Oni diras, amiko, ke en la Ardena arbarego, sub kverko ondiĝas fonto...)

La lando de la puhonoj (fontoj) konservis la saman aspekton, la saman animon kiel en la tempoj de la Renesanco. De supre de elektita vidpunkto oni



*Vidaĵo de Spa : kazino, kursalo kaj banejo.*

povas admiri la feliĉan valon. La jarcentoj nenion ŝanĝis. Same ridetas, same allogas la naturo kiel en la malnovaj pentraĵoj kaj akvafortoj. Vojetoj surgrimpas la sudan deklivon ĝis la altaĵoj de Berinzenne kaj Brorrime, tra rava arbarego

el kiu ŝprucas malsupren klaraj kaskadetoj, kies voĉo similas la sonojn harmoniajn de harpo. Tien venas la artistoj kaj la agemuloj, serĉante la absolutecon de siaj revoj.

Tiu nekomparebla tutaĵo de arbaroj, de altaĵoj, de valoj kaj de vidpunktoj unikaj, la sanigaj ecoj de la « puhonoj » kiuj fluas ĉiuloke, ĉiuj tiuj elementoj faras el Spa nacian riĉaĵon ne plu ignorindan.

La Spa'a kamparo estas la haltejo kie la grandurbano, laciĝita de tirana civilizacio, retrovas sian ekvilibron, meze de paciga paradiza pramondo. Ĝi perfekte taŭgas por la moderna turismo, en kiu la sporto ludas ĉefan rolon kaj kvazaŭ penetriĝas de natura harmonio.

La kialoj de tiu antaŭdestino kiel sportlando kuŝas antaŭ ĉio en la sanigeco de ĝia klimato; en la gusto de ĝiaj akvoj kaj en tiu gamo de altecoj kies amplekso rimarkiĝas precipe, sur la suda parto de la valo, kie la dekliveco pasas grade de 225 ĝis 575 m.; en ĝia situacio en plena naturo, iamaniere aparte



*La lago de Warfaaz apud Spa.*

de la tremiga vivo de la XXa jarcento, kaj ankaŭ en la ekstrema ŝanĝiĝemo de ĝiaj pejzaĵoj, kiuj prezentas, laŭ la ritmo de la sezonoj, impresojn ĉiam novajn, en kadroj ĉiam allogaj, kie la samaj gastoj konas la favoron renoviĝi ne peziĝinte de la plej eta ombro de laciĝo. Tiel klariĝas la entuziasmo de la junularo por tiu regiono privilegiita, kie la naturaj belaĵoj floriĝas la plej sekretajn aspirojn de nia generacio : la vivo, la poezio kiun ĉiu portas en si kaj klopodas traduki kiel li povas.

Rimarkinda estas la urbeto, enprofundigita en la valo de la Wayai.

Krom grandaj avenuoj modernaj, ekzistas, en la kvartaloj de la alta urbo, malnovaj loketoj, forgesitaj stratoj kun siaj rondaj pavimoj kaj la ombroj de siaj malakutaj tegmentoj.

Jam en la XVIIIa jarcento, Spa konis la unuajn radiojn de la famo. Malnovaj hoteloj rememorigas al la vizitantoj la nomojn de la eminentuloj kaj kronuloj kiuj iam restadis tie. Kaj tiam, en la ĉeesto de tiuj atestantoj de forpasintaj tempoj, ni pli bone komprenas kial Spa, penetrita ankoraŭ de la franca ĉarmo de antaŭ 89, estis nomata la « Trinkejo de Eŭropo », laŭ esprimo kiun ni tamen opinias iom tro proza.

Ĝi restis la granda turisma centro de la Ardenoj kun ĉiuj karakterizaĵoj de la akvourbo : siaj alte taksataj banoj karbogasaj kaj torfaj; naturo en kiu la biologiaj ekvilibroj estas garditaj savaj, naturo emociiga, kun kiu perfekte harmoniiĝis ĉiuj sportoj; la paciga kvieteco de siaj altaj Fanĵaj suproj, kaj fine sia

lignolaboristaro de pentristoj kaj lakistoj naskiĝinta el la tuta poezio leviĝanta el ĝiaj ravaj pejzaĝoj.

Nuntage oni nomas Spa « La Perlo de la Ardenoj » pro la formo de la miriadoj da karbogasaj veziketoj de ĝiaj ŝaŭmantaj akvoj, kaj eble ankaŭ pro la delikata nuanco de ĝia aŭtuna ĉielo.

Kaj la blua ĉielo, elokventa kaj plena de animo, kovras tutan landon el valoj, el suproj, el montetoj kaj el spronoj, de nesupozebla diverseco, riĉan de ĉiuj imageblaj turismaj rimedoj: tiun landon el arbaregoj kaj ardezoj, meze de kiu rapidas malsupren la torentoj naskitaj de la fanjaj « gothas » en kiuj la ĉiela akvo ripozas kaj poste malrapide penetras la deklivojn de la ebeniĝantaj montoj.

Hoëgne kaj Wayai, Statte kaj Sawe, Ru de Dison kaj Roannay, kiom dolĉaj estas sur niaj lipoj tiuj nomoj kiuj elvokas la arĝentan juvelaron de nia kara lando !

Renkonte al la Wayai kaj al la Hoëgne impetega, venas Juslenville la romana, kies esplorfosaĵoj ne ĉesis nin mirigi, kaj Theux la mezepoka, kun siaj mozaj konstruaĵoj altsojlaj, kun malakutaj tegmentoj kaj duopaj fenestroj, kun siaj stratoj pavimitaj per la dikaj sabloŝtonoj, naskiĝejo de heroeco kaj gloro kantita de Walter Scott, priskribante la epizodon de la 600 bravuloj venintaj el la kvin distriktoj de la markizlando; Theux, princlanda bastiono kun sia malnova vendejo, sia kapeleto meze de la placo, la domo de la prefekto sub la monteto de la malnova kastelo de Franchimont, kies ruinojn skuas la vento.

Sekvante la Hoëgne kontraŭfluen, laŭlonge de la arbarego de Staneux kun ĝiaj ne sufiĉe konataj suproj de Plainfays, nomoj de vilaĝetoj tintas ĉe niaj oreloj kvazaŭ sonoriloj : Sassort, Sasserotte kun sia malnova farmo-kastelo, Polleur, fama pro sia kongreso de patriotoj dum agoniis la franca reĝeco kaj Sart la fanja vilaĝego konservinta ĉirkaŭ sia granda placo tiom da memoraĵoj de la estinteco. En la centro, ŝtupobenkoj kaj la kolono de la Perono de la XVa jarcento, emblemo de la prapatraj liberecoj de la bona lando de Lieĝo. Sur la fundo de la iom deklivanta teraso, la diktura preĝejo, kapvestita de vikunĉapelo, gardadas la animojn de la mortintaj parohanoj kies tombŝtonoj estas masonitaj en la fortikaj muroj. Apude staras la kverko antikva kiu konis Karlomagnon : la koro malpleniĝas, la trunko estas kava, sed radikegoj fiksas la arbegon en la ardezo de la altaj suproj.

Sub la ombro de tiu giganto, dometaĉo kie reĝido vivis feliĉa, ĉar libera, la lastan monaton de la okupado. Sart posedas ja tiom da memoraĵoj kaj tiom da allogo ke estas necese restadi tie por malkovri ĝian tutan ĉarmon.

Sur la alia deklivo de la supro de la Spa'aj Fanjoj, kuŝas Francorchamps kun sia valeto de la Roannay, unu el la plej belaj kaj malpli konataj kun siaj vilaĝetoj ĉe flanko de montetoj, kies nomoj ankoraŭ tiom da poezio aldonas al la rivero naskiĝinta el la Malchamps : Roumez, Neuville, Ruy, Moulin du Ruy, Andrimont, Exbomont, Chevrouheid, tiom da haltejoj dum sennombraj kaj ĉarmoplenaj promenadoj.

Francorchamps, fama hodiaŭ pro sia aŭtomobila ĉirkaŭveturado, antikva limo sur la Ruĝa Akvo, dependaĵo de la abata princlando de Stavelot, kies « Cinze Harzé » gastigis siatempe severmoraj monaĥoj, ankoraŭ kolorigita dumprintempe de la oro de la narcisoj; Francorchamps, kun ĝiaj vilaĝetoj de Ster kaj Hockay, kun la farmobienoj de Charmilles, finpunkto de la plej impresiga el la valoj fositaj de niaj torentoj. Pli malproksime, laŭlonge de la Warche, ni atingas Malmédy.

Malmédy kun ĝiaj tri ĝojaj silaboj de karnavalo kaj entuziasmo, Malmédy, malgajige fama dum tiu ĉi milito, viktimo de nura taktikeraro, suferinta pro la krimoj de popolo kiu teruradis ĝin; Malmédy, la ĉiam valona, kun la ĝojigaj sonorilaroj de ĝiaj du turoj, kun ĝiaj malnovaj muzik- kaj kantsocietoj, ĝiaj antikvaj kutimoj, pri kiu ĝi tiom fieras kaj ĝia plaĉeco kiu eliras tute el la malnova horo « Del nuta di Maye »; Malmédy, nia fratino, ĉe la fronto de nia

bela barko de latineco kaj finfine, super ĉiuj tiuj valoj de lando kun reliefo tiom diversa, sur la vasta ebenejo kie postrestas ankoraŭ kelkaj kverkoj oferitaj al la malamo de la vento, maljunaj luktistoj multbranĉaj, kies turmentitaj korpoj ŝajnas ekkapti la kurbaĵojn de la ĉielo, la Fanjo mistera kaj sovaĝa kun ĝiaj specialaj bestaro kaj vegetaĵaro, ĝiaj legendoj, la Fanjo de Jean d'Ardenne, de Albert Bonjean, de Appolinaire, de Lebrun kaj de Richard Heintz, kiun la versoj de Elysée Harroy tiel delikate kaj simple difinis laŭ la eterna ritmo de la sezonoj.

Spa estas la centro de tiu belega regiono ankoraŭ ignorata de tiom da belgoj sed kiu vekis ĉe eminenta eksterlandano, admiranta ĝin de supre de la turo de Botrange, tiujn vortojn : « Kiel estas eble ke en tiel malgranda lando troviĝas, en tiom malmulte da spaco, tiom multe de mirindaĵoj, meze de kiuj la homo povas ankoraŭ resti fidela al la naturo ? »

Ĉu tie ne kuŝas unu el la plej belaj pecoj de nia Valonujo, tiu milda lando kiun impresas ĉiu vekiĝo, kie la kantoj ekflugas el la sunfontoj por resti en niaj koroj tiel longe ĝis kiam tiuj blondaj vojoj portos la ĝojon de la simplaj homoj en tiu ĉi mondo ?

Oh ! Valonujo, Oh ! malnova lando de Liego,
Kara Ardeno !

G. BARZIN.
(Esperantigis H. CASTEL.)

---

## 34a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

**Spa, de la 27a ĝis la 29a de Majo 1950.**

PROVIZORA PROGRAMO

**Sabaton 27an de Majo.**

15a h. : Malfermo de la akceptejo.
17a h. : Laborkunsido.
20.30 h. : Interkonatiĝa vespero.

**Dimanĉon 28an de Majo.**

8.30 h. : Sankta meso en la Sto Remakla Preĝejo kun esperanta prediko.
10a h. : Flordemeto al la monumento al militmortintoj de la du militoj.
10.30 h. : En la Urbdomo, la Urbestro kaj la konsilantaro akceptos la gekongresanojn.
Je la eliro de la Urbdomo, fotografado.
11a h. : Generala kongresa kunveno.
13a h. : Festeno.
16a h. : Vizito de la banejo « Etablissement Thermal de Spa ».
17a h. : Koncerto ĉe la « Parc de Sept Heures » je la honoro de la gekongresanoj.
20.30 h. : Koncerto aŭ teatraĵo ĉe la Kazino de Spa; eventuale balo.

**Lundon 29an de Majo.**

9a h. : Vizito de la modernaj uzinoj por la enboteligo de la Spa akvoj en Spa Monopole.

Diversaj ekskursoj piede, veturile, vizito de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj. Poste komuna tagmanĝo ĉu en la urbo, ĉu en la ĉirkaŭaĵo de Spa.

---

## POST LA INTERNACIA KONGRESO EN BOURNEMOUTH

Nia Prezidanto estis komisiita reprezenti la belgan registaron dum la 34a Kongreso de Esperanto en Bournemouth.

Li verkis detalan raporton, kiun li persone transsendis al la Ministro por Publika Instruado, S-ro Léo Mundeleer, dum oficiala akcepto, kiu okazis la 9an de Decembro 1949.

Kelkajn tagojn poste li ricevis oficialan leteron kies tradukon ni publikigas ĉi sube :

MINISTREJO POR PUBLIKA INSTRUADO
Kabineto de la Ministro.

---

*Sinjoro Prezidanto,*

*Mi bone ricevis vian leteron, kun ĝiaj aldonoj rilatantaj al la 34a Internacia Kongreso de Esperanto.*

*Mi dankas vin pro tiu komunikaĵo kaj gratulas vin pro la granda aktiveco montrata de Belga Ligo Esperantista.*

*Bonvolu akcepti, Sinjoro Prezidanto, la esprimon de miaj plej bonaj sentoj.*

La Ministro,
(s.) Léo MUNDELEER.

Al D-ro P. Kempeneers, Prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

AŬSTRUJO. — La landa Federacio rememorigas pri kelkaj sukcesoj akiritaj dum la jaro 1949. La federacia kanceliro D-ro Figl kaj la instruministro D-ro Hurdes subskribis la petskribon al O. N. U. persone kaj en la nomo de la 630.000 membroj de sia politika partio. La registaro subvencias la landan esperantistan federacion; ĝi eldonis Esperanto-poŝtmarkon; ĝi invitis la Esperantistojn okazigi la 36an Universalan Esperanto-Kongreson en Graz dum 1951.

En Julio 1949, okazis en Graz la nacia kongreso, kiun ĉeestis 450 personoj; inter ili estis la ĝeneralpoŝtdirektoro, D-ro Dworschak, kaj S-ro Ministro D-ro Frenzel. Esperanto placo estis nomata.

En la Universitato de Vieno estis aranĝitaj diskutoj pri mondlingvaj problemoj, kiuj donis eblecon fervore pledi por Esperanto.

Radio-dissendoj okazis el tri sendstacioj (Wien I, Wien II kaj Graz).

— La nacia kongreso okazos en Vieno de la 27a ĝis la 30a de Majo 1950. Samideanoj el ĉiuj landoj estas kore invitataj. Adreso : Wien I, Neutorgasse, 9, Aŭstrujo.

— *Kongreso de fervojistoj en 1950.* — Internacia Fervojista Esperanto Asocio organizos sian dum internacian kongreson de la 17a ĝis la 21a de Majo 1950, en Salzburg (Aŭstrujo). Petu informojn ĉe Postfach 65, Salzburg I.

NEDERLANDO. — La VIIa Kongreso de la Nederlanda Esperanto Unuiĝo « La Estonto estos nia », okazos en Groningen la 8an, la 9an kaj la 10an de Aprilo 1950. La kongreskotizo estos antaŭ la 1a de Marto, 2.75 Guldenoj; de la 1a de Marto ĝis la fino de Marto, 3 Guldenoj; post la 1a de Aprilo, 3.25 Guldenoj. La prezoj por la komuna lunĉo kaj festomanĝo, la 9an de Arilpo, estas 1.75 kaj 2.25 Guldenoj (inkluzive trinkomono). La prezo por la ekskurso tra Groningen ĉirkaŭaĵoj la 10an, estas 2.25 Guldenoj; la varma lunĉo kostas 1.75 Guldeno.

Anoncu vin plej baldaŭ kaj mendu hotelĉambron aŭ gastloĝadon ĉe privatuloj ĉe :

S-ino L. de Vries-Kanning, sekretariino, Witte de Withstraat, 25, Groningen;

S-ro H. Albers, kasisto, Ernst Casimirlaan, 1a, tel. 206.04, ĝiro 536.911, Groningen.

GERMANUJO. — Laŭ artikolo aperinta en Svenska Esperanto Tidningen 11-12, 1949, ni ekscias ke nun Esperanto estas instruata en popollernejoj en Berlin.

— *Enkonduko de Esperanto en lernejoj.* — La registraro de Unterfranken (Reinlando) decidis enkonduki la instruadon de Esperanto en ĉiuj lernejoj sur libervola bazo. Depost Pentekosto okazas kursoj, kun pli al 200 partoprenantoj. (Laŭ *Svisa Espero.*)

FRANCUJO. — *Postkongresa semajno en Angers.* — La Esperanto Grupo en Angers decidis organizi internacian semajnon en sia urbo post la Universala Kongreso en Parizo (5-12 Aŭgusto 1950) por permesi al alilanduloj plilongigi sian restadon en Francujo. Oni zorgos pri restado laŭ la plej agrablaj kaj malmultekostaj kondiĉoj. Por pliaj sciigoj, sin turni al Esperantista Grupo, 28, boulevard Descazeaux, Angers (Francujo).

USONO. — *Asocio de instruistoj de Usono propagandas Esperanton.* — National Education Association of the United States, la plej granda asocio de instruistoj de Usono publikigis varbobroŝureton 16pagan pri Esperanto. Ĝi aperis en famkonata serio « Flugfolioj por memklerigo ». Ĝi estis verkita de la Centra Oficejo de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — *La Verda Stelo*. — Sabaton, la 21an de Januaro, la « Verda Stelo » arangis sian jaran festenon, honore al sia prezidanto S-ro Jaumotte, kaj al lia ĉarma kaj sindona edzino. Ĝi okazis en la restoracieio « De Ton », Pelikaanstraat.

Multaj malnovaj kaj novaj membroj de la grupo ĉeestis; tuta karavano venis aŭtobuse el Bruselo.

Je la deserto, toastoj estis eldirataj de S-ino Schoofs, vidvino de la ĉiam bedaŭrata Frans Schoofs, fondinto de la « Verda Stelo »: ŝi memorigis pri ĉio kion faris S-ro Jaumotte kaj lia edzino, dum la daŭro de 35 jaroj, por la internacia lingvo, por la antverpena loka grupo kaj por Belga Ligo. Belaj floroj estis donacataj al S-ino Jaumotte, kaj daŭra memoraĵo transdonita al la festata samideano.

S-ro Vermandere legis plurajn leterojn kaj telegramojn, kiuj alportis, el diversaj belgaj urboj kaj lokoj, la korajn gratulojn de samideanoj malhelpataj ĉeesti persone la feston.

S-ro Castel parolis nome de la bruselaj esperantistoj. D-ro Kempeneers gratulis la sindoneman Vic-Prezidanton de Belga Ligo. Li rememorigis la multnombrajn esperantistajn festojn kaj ceremoniojn kiujn li jam partoprenis en Antverpeno kaj elvokis memoron de kelkaj malaperintaj antverpenaj fervoruloj. Tiu brila pasinteco certigas ke en la estonto ankaŭ la « Verda Stelo » daŭre brilos en la Esperanta stelaro.

S-ro Jaumotte kore dankis, je sia nomo kaj nome de sia edzino, pro la multnombra ĉeesto; li speciale dankis la bruselajn geamikojn, kiuj venis tiel multnombre, kaj la aliajn neĉeestantojn pro la diversaj montroj da simpatio. Li memorigis la glorajn jarojn dum kiuj prezidis S-ro Schools, kaj aplaŭdigis la nomojn de S-inoj Schoofs kaj Lucette Faes-Janssens, kaj de S-ro Morris De Ketelaere, kiuj, kun li, helpis S-ron Schoofs je la unua restarigo de la Grupo post la unua mondmilito dum la jaroj 1919-1920. Li uzis la okazon por atentigi tre serioze la ĉeestantojn membrojn pri la nepra neceseco kune repreni la direktadon de la grupo por certigi ĝian daŭran vivadon.

Post kelkaj emociplenaj vortoj de S-ro Faes, kiu promesis sian tutan helpon al la Prezidanto en lia venonta tasko, ĉiuj disiĝis, konservante bonan memoron pri tiu agrabla kaj amika vespero.

BRUĜA GRUPO. — La 20an de decembro okazis la lasta leciono de la vintra kurso. La 27an, estis prezentata la filmstrio pri Nov-Zelando. La ĝenerala jarkunveno okazis la 10an de januaro. El la prezentitaj raportoj rezultas grava progresado de la grupo dum la pasinta jaro. Estis unuanime elektataj kiel komitatanoj : prezidanto, S-ro Poupeye; vic-prezidantoj, S-roj G. Groothaert kaj Fl. Verplancke; sekretario, S-ro Demeulenaere; kasistino, F-ino Is. Van Parijs; helpa sekretario, S-ro Jadem; konsilantino, F-ino Boerebooin.

— *Programo de la venontaj kunsidoj*. — Ordinara kunveno : ĉiuvarde je la 20a en la sidejo « Gouden Hoorn-Cornet d'Or »; komitato kunveno la unuan mardon de ĉiu monato en sama ejo, de la 19a ĝis la 20a.

Perfektiga kurso estas donata dum la unua duonhoro de ĉiu ordinara kunveno. La restanta tempo estos dediĉata laŭ sekvanta programo :

Januaro : 24an, debato « Por kaj kontraŭ dancado; 31an, kartludado.

Februaro : 7an, rakontado; 14an, lernado de poeziaĵo; 21an, malfacilaj vortoj; 28an, legado de interesa artikolo.

Marto : 7an, frazfarado; 14an, societaj ludoj; 21an, lernado de poeziaĵo; 28an, duopa konversacio kun posta raporto.

Plie ekzistas plano pri partopreno en balo, organizo de mitulvespero kaj prezentado de turisma filmo pri Danlando.

BRUSELA GRUPO. — Speciale menciinda estas la « Zamenhofa » vespero okazinte la 12an de Decembro 1949. Membroj de la grupo, nome S-inoj E. Staes, Sengel kaj Stern, S-roj Castel, Sengel, Verdier kaj Jirousek, legis « Georgo Dandin », komedio de Molière, tradukita de la Majstro. La geaktoroj legis sian rolon kun vera arto, kaj ĝojigis la multnombrajn aŭdantojn.

La 19an de Decembro, S-ro L'Host faris interesan paroladon pri prahistorio; li ilustris ĝin per belegaj grandaj bildoj kiujn li mem desegnis.

La 26an de Decembro estis prezentata la film-strio pri Nov-Zelando dank'al dokumentoj dissenditaj de la Novzelanda Registaro. S-ro Verdier legis la interesan klarigan tekston.

La Komitato sendis sumeton al la jurnalo « Le Soir » por la Sankta Nikolao de la malfeliĉuletoj; ĝi estis ricevatestita kun la mencio « Esperanto ».

— La Brusela grupo havis sian ĝeneralan jaran kunsidon la 21an de Januaro. Ĝi aŭdis la raportojn de la prezidanto, de la sekretariino kaj de la kasistino. La komitato por 1950 konsistos el D-ro Kempeneers, prezidanto, S-ro Castel, vic-prezidanto, F-ino Obozinski, sekretariino, S-ino Plyson, kasistino, S-ino Ernst, help-sekretariino, S-ro Jirousek, help-kasisto, kaj F-ino Kestens, bibliotekistino.

— *Programoj de la estontaj kunvenoj.* — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, ĉiulunde, je la 20a.

Februaro : la 6an, parolata ĵurnalo; la 13an, je 19.30 h., S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15 h., S-ino Sengel, « Ni verkos romanon »; la 20an, S-ino Elly Staes, « Dumvintraj artaj okazintaĵoj »; la 27an, S-ino Lecat, « Baha'ismo ».

Marto : la 6an, parolata ĵurnalo; la 13an, je 19.30 h., S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, S-ino Ernst gajigos la ĉeestantaron; la 20an, S-ro Jirousek, « Praprahistorio, prahistorio, historio, alia opinio »; la 27an, S-roj Verdier kaj Jirousek, « Marionetoj ».

Aprilo : la 3an, parolata ĵurnalo; la 10an, Paskaj festoj, ne okazos kunveno; la 17an, S-ro Sengel, « Amuza vespero kaj tombolo »; la 24an, S-ro Everaets, « Ludonantoj kaj luprenantoj ».

Majo : la 1an, parolata ĵurnalo; la 8an, je 19.30, S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15 h., F-ino Obozinski, « Henri Dunant ».

GENTA GRUPO. — Kalendaro de la sabataj kunvenoj : Februaro, 4 kaj 18; Marto, 4 kaj 18; Aprilo, 1 kaj 15; Majo, 6 kaj 20; Junio, 10 kaj 24.

---

## ANONCOJ

— Jaroslav PETRACEK, Decinska 441/6, Usti n/Lab., Strekov (Ĉeĥoslovakujo), deziras interŝanĝi poŝtmarkojn.

— Edwald KRETSHMER, instruisto, Schulhaus, Bienrode (Braunschweig), Germanujo, petas korespondantojn por dudeko de popollernejaj knaboj. Respondo garantiata.

---

## NEKROLOGO

— Mortis la edzino de S-ro F. MATHIEUX, malnova samideano, dum longaj jaroj kasisto de Belga Ligo Esperantista, fidela membro de Brusela Grupo. Reĝa Belga Ligo Esperantista sendis kondolencojn; ni prezentas al S-ro Mathieux la esprimon de nia simpatio kaj kunsento.

— Pere de la brusela jurnalo « La Lanterne » ni eksciis pri la morto, en Versailles, de S-ro Ernest ARCHDEACON, 87-jara, malnova sindonema kaj malavara pioniro de Esperanto.

La ĵurnalo dediĉis longan artikolon al la mortinto; ĝi menciis kiel li interesiĝis pri aŭtomobiloj kaj aviado; ĝi finis la artikolon per tiu frazo : « li dediĉis siajn lastajn jarojn al la disvastigo de Esperanto, dum li loĝis sur la « Seine », apud Parizo, en granda ŝipo nomita « Esperanto » kaj montranta verdan stelon ».

---



---

BONVOLU TUJ REPAGI VIAN KOTIZON. DANKON !

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie, Bruselo.
*Vic-prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

### KOMBINATAJ KOTIZOJ

### Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... fr **80**
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... **40**

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... **115**
b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto » ... **170**
c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... **300**

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98